




**5/1997**
Oktobro/Novembro

**Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a., Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg,**
**tel. + fakso: +49 40 250 30 65**

Redaktoro: Benno Klehr, Oelckersallee 31, D-22769 Hamburg, Tel. (040) 43 51 97

**Redaktofino de venonta eldono: 15-11-97**

---




## "Du und Deine Welt"

La ekspozicio "Du und Deine Welt" okazis de la 29-08-97 gxis la 97-08-07. Kiel kutime, kelkaj de niaj klubanoj cxeestis por prezenti Esperanton kaj la avantagxojn de senlima interkompreno. Se ankaux vi volas antauxenigi nian Internacian Lingvon, vi cxiam estas bonvenata.
Pro nova varbsxildo eblis al ni, prezenti nin pli bone.
Ni kore dankas la multajn helpantojn. Sen ili, ni ne povus uzi tiun eblecon! Vidu ankau Karaj legantoj.

Volker Kraeft

---

**Sentenco**

Mi ne povus esti politikisto.
Por mi estas tro lacige,
cxiam esti prava.

laux Sir Peter Ustinov

---

**Karaj legantoj,**

La ekspozicio *Du und Deine Welt* pasis, kaj mi estas kontenta ke ni sukcesis dum dek tagoj prezenti nian aferon al la publiko.
Multaj membroj de Hamburga Esperanto-Societo dejxoris dum la ekspozicio, tute libervole, sen ke ni devis speciale peti ilin.
Ni kore dankas al:
Gudrun kaj Klaus Diekmann, Hella Lanka, Bruno Lehmann, Peggy Ley, Eva kaj Wolfgang Löbel, Burkhard Mohrig, Sylwia Pöhlmann kaj d-ro Werner Bormann, kiu tamen pro operacio ne povis aktivi.

*La estraro de HES*

Al Sentenco

---

**Enhavo**



---

**Programo de HES**

Klubejo malfermita Jxauxde ekde18:30. Mangxoj: 19:00 - 19:30. Programo: 20:00.
GIS: kunvenoj lauxbezone; informoj: Tel. (040) 58 71 82 aux 738 45 08.

**1997-10-02**
*La cxeestantoj mem organizas la programon*

**1997-10-09**
*Sylwia Pöhlmann:*
(enkonduko) Nederlandaj impresoj
(Video)

**1997-10-16**
*La cxeestantoj:*
Klubaj aferoj
Ni diskutas pri eblecoj, plivigligi la kluban vivon

**1997-10-23**
*Hella Lanka:*
Travivajxoj en Leipzig
(Lumbildoj pri la eklezia kunveno)

**1997-10-30**
*La cxeestantoj mem oragnizas la programon*

**1997-11-06** *Hannelore Brunow:*
Proverboj kaj parolturnoj (kiu gxuste tradukas?)

**1997-11-13**
*La cxeestantoj mem organizas la programon*

**1997-11-20**
*Benno Klehr:*
Terura Enigmo

**1997-11-27**
*Gerald Roemer:*
Lumbildoj pri Litovio

**1997-12-06**
**ZAMENHOFFESTO**
Komenco 19.00 h
Bonvolu frue anoncigxi!

Enhavo

---

**Interreta adresaro**

Cxu vi jam havas interretan posxtadreson? Tuj donu al ni! En tiu cxi rubriko ni publikigas la ret-adresojn de HES-anoj:

Redakcio: *EsperantHH@aol.com*
Jürgen Wulff: *BTWulff@aol.com*
Frank Merla: *MerlaFrank@aol.com*
Volker Kraeft: *TIGGYSOFT@aol.com*

(Rimarko de Frank Merla:
Ili havas ankaux hejmpagxojn:
http://members.aol.com/EsperantHH
http://members.aol.com/BTWulff
http://members.aol.com/MerlaFrank
http://members.aol.com/TIGGYSOFT)

Enhavo

---

### Inauxguro de la Biblioteko en Kijlo

Dum la semajnfino de la 5-a gxis la 7-a de Septembro 1997 kunvenis en Kijlo (germane Kiel) pli ol 30 Esperantistoj por inauxguri la Bibliotekon kaj festi la nelgan geedzigxon de la iniciatintoj-organizantoj Sabine (germanino) kaj Christian Darbellay (franclingva sviso) - kaj por celebri samtempe sxian datrevenon. La duono de la cxeestantoj estis eksterlandanoj. Malgraux *jxusa* operacio, parte partoprenis la nuna prezidanto de la Akademio, d-ro Werner Bormann el Hamburgo.
En Kijlo fondigxis (1902) la unua germana Esperanto-klubi cxi-jarcente. Oni do rememoris tiun fakton per jubileo (95 jaroj jam!) en la formo de raporto (far s-ro Burmeister), esperante doni novan impulson al la lingvo kaj relancxi Esperantan aktivecon.
Krom sxip-ekskurso gxis Rendsburg, ties promenado kun vizito al la Rul-pendanta Pramo, kaj trajna reveno laux la fervoja altponto okazis du prelegoj: José Carlos Cintra el Brazilio parolis pri *Oblikvigxintaj konstruajxoj* kaj Christian Darbellay pritraktis la konservadon kaj katalogadon de esperantajxoj. Li distribuis interesan unuan kajereton *Pasxoj al universala esperanto-bibliografio* kaj prezentis seriozan sciencan laboron.
Precipe agrabla estis la renkonto de malnovaj konatoj kaj de aliaj afablaj kaj kulturaj samideanoj, inter kiuj literaturisto Kirschstein el Braband, Danujo.

*Christian Declerck*

Enhavo

---

### Letero de S-ino Peggy Ley

Antaux kelkaj semajnoj mi skribis legantleteron al "Harenberg Verlag", germanlingva asocio, kiu eldonis libron kiu nomigxas "Die Bilanz des 20. Jahrhunderts". Tiu libro intencas ne nur montri la nunan situacion, sed volas ankaux montri la eblajn pasxojn por sxangxi la situacion al bono.
Kiam mi legis iliajn opiniojn pri Esperanto, mi miris, cxar ili skribis, inter alie, ke Esperanto ne havus sxancon en la mondo kaj ke la angla jam estas mondlingvo.
Mi skribis kvarpagxan legantleteron, kiun mi aldonas, por ke cxiu, kiu interesigxas, povas legi gxin en la klubejo. Jen estas la respondo de S-ro Harenberg, kiu mem subskribis. Cxar li skribis germanlingve, mi tradukis lian respondon:
"*Estimata S-ino Lay,*
*multan dankon pro via letero de la 8a de Septembro 1997.*
*Cxe estontaj publikajxoj ni konsiderus volonte viajn atentigojn kaj argumentojn.*
*Kun afablaj salutoj*
*Bodo Harenberg*"

Enhavo
Re al la cxefpagxo